# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos




## JULIO MORATÓ GIL

L'esperantistaro jam ne povas kalkuli inter siaj samideanoj tiel bonegan amikon kaj entuziasman propagandiston, kiel S.ron Morató: la morto lin forrabis de ni la 9an de l'nuna monato, montrante sin duoble kruela kaj frutempa, ĉar S.ro Morató estis nur 32-jara kaj li forlasis senkosolan edzinon kaj du infanetojn.

Li estis kuracisto en Simat de Valldigna (Valencia), de kies Grupo Esperantista li havis la Prezidantecon. Liaj propagandaj artikoloj en multaj gazetoj, kaj liaj klopodoj por la disvastigo de Esperanto kaj varbado de adeptoj al nia kara ideo, estas bone konataj de la hispanaj samideanoj. Granda nombro da eksterhispanaj esperantistoj, kun kiuj li sincere komunikiĝadis, certe bedaŭros la perdon de tiel afabla korespondinto.

Mi speciale kaj preme sentas lian morton, ĉar, krom modela amiko, li estis la unua adepto, kiun mi rekrutis al nia paca armeo. Tio okazis je la fino de l'jaro 1905, kiam li estis kuracisto en tiu ĉi urbeto; li tiel entuziasmiĝis por Esperanto, ke, dank'al lia valorega helpo kaj konstanta laboro, ni baldaŭ povis krei la Grupon de Enguera, kun tre kontentiga nombro da societanoj, kaj fari grandan propagandon, ĉu en specialaj gazetoj medicinaj, ĉu en la ĝenerala gazetaro.

Li varbis al nia afero eĉ la monaĥinojn de tiu ĉi malsanulejo kaj tiujn de l'Sankta Teresa Lernejo, kiuj ambaŭ faras depost tiam esperantajn kursojn por siaj malgrandetaj gelernantoj. Kaj nia malfeliĉa amiko ĉiam rememorigis tiun multsignifan akiron, kiel sian plej valorantan kaj gloran triumfon, dirante ke «Esperanto transpasas eĉ trans la muroj de la monaĥinejoj!»

Lian senfinan fervorecon por nia ideo klare montras tiu ĉi frazo, kiun li diris al mi, kiam, pro profesiaj devoj, li devis forlasi Enguera'on kaj iri Simat'on. «Mi havas en tiu ĉi momento du kontraŭajn sentojn: grandan malĝojon, pro ke mi lasas tie ĉi bonegajn amikojn; sed grandan ĝojon, tial ke tiamaniere mi havos baldaŭ la okazon krei novan Grupon, kaj propagandi Esperanton aliloke».

Efektive, la fruktoj de lia senlaca laborado ne longe estis atenditaj, kaj baldaŭ aperis la Grupo de Simat, kun vivoplena kaj progresanta ekzisto.

Nun, imitinda amiko Morató, mi adiaŭas vin per la samaj belaj vortoj de D.ro Zamenhof al mortinta D.ro Javal:

«Mi ne povas jam saluti vin, kiel mi faris tiom multe da fojoj—mi salutas malĝoje vian cindron, kara, neforgesebla amigo!»

F. Soler Valls.

Enguera, 15 Aŭgusto 1908.



# PROJEKTO

## pri la interna organizo de Lingva Komitato prezentita de ĝia Prezidanto S.ro Boirac

Artikolo 1.a El la Lingvokomitatanoj elektitaj dum aŭ post la Bulonja Kongreso konsistas Ĝenerala Konsulta Komitato, komisiita por zorgi pri la konstanta pureco de la lingvo Esperanto kaj certigi ĝian disvolviĝon kaj normalan evolucion laŭ regulaj vojoj.

Art. 2.a La nombro de la Lingvokomitatanoj ne estas limigita, kaj povos laŭgrade esti pligrandigita, laŭ la disvastiĝo de Esperanto.

Art. 3.a La Komitato varbiĝos balote, per la voĉdonado de jam enestantaj anoj, per listoj de proponoj, preparitaj de la Estraro laŭ la petoj al ĝi adresitaj de la diverslandaj esperantistoj.

Art. 4.a La Lingvokomitatanoj tiel elektitaj konservos siajn funkciojn sen templimo, escepte se ili propravole eksiĝos. Estos rigardataj kiel eksiĝintaj la anoj, kiuj restis pli ol ses monatojn ne respondante la demandojn aŭ leterojn al ili adresitajn.

Art. 5.a Okazos pro morto aŭ eksiĝo de la okupintoj perioda baloto por replenigo de la vakantaj lokoj en la Komitato, kaj eventuale por aldono de novaj membroj, kiu ŝajnos utila. La listojn de proponoj por tiuj elektoj starigos la Estraro, almenaŭ unu fojon ĉiujare, kiel eble okaze de la Kongreso, tiamaniere ke la nove elektitaj membroj povu partopreni la kunsidojn de la L. K. en tiu momento. La nombro de la membroj aldonotaj estos fiksata laŭ la propono de la Estraro.

Art. 6.a Estas starigita en la Lingva Komitato, Supera Komisio aŭ Esperantista Akademio, difinita por esplori la demandojn submetitajn al la L. K., kaj formuli decidojn laŭ la opinioj kolektitaj pri tiuj demandoj ĉe la Lingvokomitatanoj.

Art. 7.a La nombro de la membroj de la Akademio ne povos superi 18.

Art. 8.a Ili estas elektotaj, per absoluta plimulto de la Lingvokomitatanoj, laŭ proponlistoj enhavantaj nombron da kandidatoj ĉirkaŭe duoblan de la elektotoj. La kandidatoj estas elektotaj de la Estraro inter la membroj signitaj pro speciala lingvistika kompetenteco, prezentitaj de la diverslandaj esperantistoj, kaj havantaj la eblecon doni efektivan kunhelpon al la laborado de la Komitato.

Art. 9.a La membroj de la Akademio estas elektotaj por 9 jaroj kaj rebalototaj ĉiun trian po triono. Ili estas reelekteblaj.

Art. 10.a La L. K. kaj la Akademio havos la saman Estraron, kiu enhavos, krom D.ro Zamenhof, honora prezidanto, efektivan prezidanton, unu aŭ du vic-prezidantojn kaj ĝeneralan sekretarion.

La membrojn de tiu Estraro elektos la Akademio.

Art. 11.ª La Akademio esploros:

*a*) La demandojn, kiujn ĝi elektis per propra iniciato;

*b*) Ĉiujn demandojn prezentitajn al ĝi per favora raporto subskribita de almenaŭ kvin membroj de la Lingva Komitato.

Art. 12.ª Por esplori specialajn demandojn, la Akademio povos starigi specialajn konsiliĝajn komisiojn, kiuj povos enhavi iujn ajn membrojn de la Lingva Komitato, aŭ eĉ personojn ne apartenantajn al tiu lasta.

Art. 13.ª La decidoj alprenitaj de la Akademio estas konigotaj al la membroj de la Lingva Komitato, por konsulto.

Oni publikigos ilin, kaj ili ricevos leĝforton nur se, tri monatojn post tiu konigo, ili ne estos malaprobitaj de pli ol unu triono de la Lingva Komitato.

Se, post la diritaj tri monatoj, pli ol triono de la Lingva Komitato malaprobis tian decidon, ĝi estas denove pridiskutota de la Akademio kaj la finan decidon faros la lingva Komitato per plimulto de voĉoj.

## Avizo

**Sekvante la ekzemplon de aliaj gazetoj esperantistaj, LA SUNO HISPANA ne aperos en la monato Aŭgusto. Rekompence ni publikigos en Septembro duoblan eksterordinaran numeron detale pritraktante la Desdenan Kongreson.**

## Aviso

**Siguiendo el ejemplo de otras revistas esperantistas, LA SUNO HISPANA no aparecerá en el mes de Agosto. En recompensa publicaremos en Septiembre un número doble extraordinario relatando detalladamente el Congreso de Dresden.**

# Aritmetika problemo

*Serĉu triciferan numeron, kiu multiplikate kun la sumo de siaj tri ciferoj donos 10206.*

Sendu ne nur la solvon sed ankaŭ la matematikan elmontron por ĝin trovi. Lote ni disdonos al la divenintoj tri ekzemplerojn de la verko originala de V. Inglada «Prozo kaj versoj».

---

Solvoj de la *Dua konkurseto* publikigita en nia aprila numero:

1.ª, *la aĝo de Petro estas 56 jaroj;* 2.ª. *homoj! la honoro antaŭ ĉio;* 3.ª, *aŭtor-it-at-o.*

Divenis la tri problemojn ok abonantoj; la sorto montris por ricevi la premioj Sinjorojn: Gratz, Durán kaj H. Merle. Ili bonvolu sciigi al ni kiun premion, el la proponitaj, deziras ricevi.

* * *

# Pri la Bonegeco de la Lingvo Kastila

Tiu ĉi lingvo, kies gracion, belegaĵojn kaj riĉecon ĝi ŝuldas al la propra genio, talento kaj penadoj de ĉia verkisto aparte, kaj nenia al la neinteresaj gramatikistoj kaj retorikistoj de la nacio, estis alveninta en la XVI centjaro al tia grado de beleco kaj majesteco ke ĝi estus povinta fariĝi universa, pro kaŭzo de l' estimo kiun ĝi ĝuadis en fremdaj landoj, se la hispanoj estus sciantaj eltiri profiton el la frukto de sia talento.

La tutmonda ŝato kaj rango kiujn atingis nia lingvo en la XVI centjaro en tuta Eŭropo, (kvamkam en tiu tempo ĝi ne havis artikolon en Enciklopedio), estis atestata de l' aŭtoro de *Dialogo de Lingvoj* kiu skribis en la regtempo de Karlo V kaj publikigata de l' instruita don Gregorio Mayans en lia verko *Origenoj de la Lingvo Kastila*, kie li diras ke «jam en Italujo, tiel ĉe sinjorinoj kiel ankaŭ ĉe sinjoroj oni opinias ke paroli kastile estas sprite kaj elegante». Jozefo Scaligero, skribinte al Izaako Casanbon de Leiden ĉirkaŭ la jaro 1604, al li diras ke li riĉigis la Vortaron de Antonio de Nebrija per pli ol dumil vortoj kaj li aldonas: «Kaj, spite tio, ŝajnas »al mi ke mi nenion faris ĉiufoje kiam mi legas librojn hispanajn. Tia estas la sufiĉe»geco de tiu idiomo ke des pli mi studas ĝin ju pli prezentiĝas aferoj kiujn sen »majstro mi neniam lernos.»

La aŭtoroj de l' *Jaro Literatura*, eldonata ĉiusemajne en Parizo, en ilia kritiko (num. 2 de l' 31ª Januaro de l' unua jaro 1786) de l' parolado de S.ro Rivaroles pri *la universeco de la lingvo franca*, kiu ricevis la premion de l' akademio de Berlino en 1784, skribas la sekvantajn frazojn: «La aŭtoro prezentas sian temon laŭ la plej »brila kaj plej efika maniero; li estas franco kiu parolas pri sia nacio, kaj kiu flatas »malmulte la memamon de aliaj. Li skizas tre supraĵe la portretojn de la nacioj plej »distingindaj de Eŭropo, kaj li klopodas malkovri la kaŭzojn politikajn kaj literatu»rajn kiuj malhelpis ke iliaj lingvoj atingu la honoron fariĝi universaj, kiun havas la »nia. Eble oni akuzos lin ke li silentas pri la gloro kiun ĝuis kelkaj lingvoj, eĉ en »Francujo, antaŭ ol tiam kiam la nia perfektiĝis. Mi ne kredas ke li estus perdinta la »favoron de sia tezo konfesinte ke la itala kaj la hispana lingvoj formis antaŭe parton »de la edukado franca, kaj ke ĝis la epoko de Corneille nia tuta literatura estis an»koraŭ hispana.»

Tiel parolas la fremduloj nepartiaj se ili volas rememori ke la glora Antonio Pérez, kiel li diras en unu el siaj leteroj al reĝo Enriko IV de Francujo, estis elektita por instrui al li la hispanan lingvon, kiun tiel estimis tiu monarno. Aliaj el liaj leteroj tre klare elmontras kiel ĝenerala estis la favoro kiun ĝuadis en Francujo kaj Anglujo nia idiomo en tiuj tempoj, tial ke en ili estas nomitaj diversaj princoj kaj sinjoroj kiujn ĝin kulturis kaj plaĉis sin per legado de la verkoj de tiu distinginda kaj malfeliĉa spritulo. Ankaŭ oni scias ke la fama *Miguel de Cervantes* estis invitita sub tre akceptindaj kondiĉoj iri Parizon tie instrui la hipanan lingvon, uzonte liajn proprajn verkojn kiel modelojn de lingvaĵo. Nek ankaŭ ignoras oni la grandegan nombron da libroj hispanoj eldonitaj dum la regtempoj de Filipo II kaj Filipo III, kiujn oni tradukis france en tiuj tempoj. Oni memoras ankaŭ tiun opinion kaj komparon kiun faris la Imperiestro Karlo V de la lingvoj kiujn li konis kaj parolis, dirante ke la angla estas lingvo parolinda kun birdoj; la germana, kun ĉevaloj; la franca, kun viroj; la itala, kun sinjorinoj; kaj la hispana por paroli kun Dio. Tiu kiu skribis ke la hispana lingvo estas «pura kiel oro kaj sona kiel arĝento» estis franco, en Francujo li verkis, kaj ankoraŭ vivas, kaj li tre certe estas neniel amika al niaj aferoj. S-ro

d' Alambert diris en siaj *Verketoj pri Literaturo*, farinte analizon de l' harmonio de lingvoj: «Lingvo riĉa je vokaloj, kaj precipe je vokaloj dolĉaj, kiel la itala, estus la »plej delikata el ĉiuj, sed ne la plej harmonia; ĉar la harmonio tial ke ĝi plaĉu, ne »devas esti nur delikata, sed ankaŭ ŝanĝanta. Lingvo kiu havus, kiel la hispana, »agrablan miksadon el vokaloj kaj konsonantoj dolĉaj kaj sonaj, estus kredeble la »plej harmonia el ĉiuj modernaj.»

El «Sobre la Excelencia de la Lengua Castellana», de Antonio Capmany.—(1743-1813).

*Tradukis*, N. M.

# LA TALPO

El Aleksandro Goichon.

## I

Ciujare kiam alvenas la unuaj someraj varmoj, familio Binot-neforgesante Petron,-sesjara filo-translokiĝas en la gajan kampodomon, kiun ĝi posedas en Mans'a lando, por pace ripozi for de la ĉiutagaj laciĝoj kaj de la grandurba bruado.

La domo estas pura kaj gaja, kun sia tegmento de bluaj ardezoj, sur kiuj glitas la vivoplena oro de sunriĉaj tagmezoj, kun siaj muroj pentritaj per blanka kalko, kie suprenrampas tuberhavaj branĉoj de centjara vinberarbo. Ĝardeno ĉirkaŭita de viva plektobarilo disvastiĝas ĉirkaŭe per unuformaj placetoj, per vojetoj zorge puraj kaj samebenaj, kiujn nur makulas la ombro de najbaraj arboj; per kreskaĵamasoj ĉirkaŭitaj de buksoj, kie, kiel monaĥejaj virgulinoj, ridetas la plej beletaj kaj delikataj floroj.

Ĉi tiu ĝardeno, antaŭlonge senkultura tero, fierigas la familion. Ciumatene, kun la dolĉa brilo kiu postsekvas la tagiĝon, alkuras al ĝi Petro, preskaŭ senvesta, kun la haroj intermiksitaj pro la dormado, la okuloj malpaciencaj, ĉar li ĉiam deziras esti la unua, kiu rigardas la treverdajn brasikojn, en kiuj ŝoviĝas kristalperloj; la pomarbojn ŝarĝatajn de velura frukto, kie pepas aroj da paseroj; la ruĝajn linojn; la malpezajn fajrajn florfolietojn marĝene de la promenejoj.

Kaj antaŭ la kreskaĵamasoj, ĉarme floraj, li haltas kaj sentas sin feliĉa rigardante ameme la rozojn kaj la malgrandegajn palmojn, kiujn vekas la karesoj de la sunradioj; kalkulas la novajn kronetojn de la multkoloraj hortensioj kaj ensorbas la ebriigan parfumon de la diantoj blankaj kaj de la rezedoj...

## II

Petro ne matenmanĝis hodiaŭ.

En la ĝardeno,—kiu fierigas la domanojn—ia talpo piedfrapadis dum la nokto la vojetojn zorge ebenajn, kaj naskis ĉe la kreskaĵamasoj, kie ridetis la plej beletaj kaj delikataj floroj, erupciojn de sterko tiel malplaĉajn kiel fajraj butonoj en freŝaj vangoj de beleta junulino.

La ĝardeno, terure detruita, prezentas la korpremigan aspekton de batalkampo, la silentan malgajecon de tombejo. La hortensioj enterigitaj sub teramasoj antaŭ nelonge dismovitaj sangeltiras per ĉiuj ĝiaj branĉetoj. La rozoj ŝajne elĵetas melankolian rigardon, agonias dolore kaj kvazaŭ plorpetas kompaton de la kriplaj palmoj kaj de la ĉifitaj rezedoj...

III

Sed ĝi jen estas laŭkaptita kaj agitante sin vane; jen estas la talpo, la terura talpo nigre vestita kiel la tombrabistoj, kun la okuloj supermezure rondaj kaj ploraj, kaj la piedegoj kvazaŭ ŝoveliloj de entombigistoj...

Petro ekzamenas ĝin fikse, furioze, kaj serĉas, en sia cerbo de kulturita homo, kruelan turmentegon kun senfinaj doloroj respondaj al la monstreco de la krimo.

Li volas ĝin pendigi, li volas alligi ĝin—kapo malsupre—al ia pomarba branĉo kaj vidi kiel ĝi distordiĝas konvulsie sub la sunradioj brulantaj. Li volas ĝin dronigi, enmeti ĝin en la starantan akvon de proksima kuveto kaj triumfe alesti al ĝiaj doloraj spasmoj, al ĝia malrapida, tre malrapida agonio.

Kaj por alpreni pli da kuraĝo, eble por trovi turmentegon pli kruelan ankoraŭ, li ree rigardas la kreskaĵamasojn ĉirkaŭitajn de buksoj, kie agonias, kiel en malsanuleja ĝardeneto, la kriplaj hortensioj; kie mortas la plendaj rozoj kaj la palaj rezedoj...

IV

Subite oni vidas Petron ĝoja, kontenta.

La puno dece venĝos la malfeliĉajn florojn, la florojn amatajn, kiuj antaŭ nelonge ridetis tiel beletaj kaj bonodoraj. Kaj jam time ektremante, li fantazias pri la teruro de la elpensita turmentego.

Li fosas en tero profundan tombon, tombon por la lastaj suferoj, kaj *enterigas la talpon viva!!*

R. DUYOS.

# Pensoj

Virino amas aŭ malamas; ĉe ŝi ne estas duonestimo.

*Publio Siro.*

Virino malordigas en unu tago tion, kion viro primeditas dum unu jaro.

*Demóstenes.*

Estas pli malfacile trovi bonan virinon ol blankan korvon.

*Sankta Jerónimo.*

Oro estas simila al virinoj; ĉiuj diras malbonaĵojn pri ili kaj ĉiuj ilin deziras.

*Lope de Vega.*

Virino estas bela difekto de Naturo.

*Milton.*

La virinoj estas grandetaj infanoj.

*Trueba.*

Malbela virino ofendas kaj difektas la vidkapablon, kaj la bela la intelekton kaj la rezonon.

*Bion.*

Tradukis A. Novejarque.



# Malnovaj paĝoj

## La anstataŭigita muzikisto

*Rakonto de Ernest Lotter, tradukita de V. Kildjuŝevski*

«Tiel estas tute neeble veturi pluen, Johann?» demandis la envolvita en pelto solida sinjoro, staranta sur la alveturejo de la hotelo «Cigno» en malgranda urbeto proksime de Dresden. Tio estis en unu vintra vespero de la jaro 1841.

«Neeble», respondis la veturigisto, homencante disjungi la ĉevalojn: «vi scias mem, kiom da fojoj ni sidiĝis en neĝo; la aksingo tute disŝanceliĝis, kaj ja...»

En tiu ĉi minuto neĝa ŝutaĵo falis de la tegmento kaj kune kun la bruego de la vento kaj la fajfado de la neĝa blovado surdigis la lastajn vortojn de la veturigisto. La sinjoro kun ĝemo de bedaŭro sin turnis al la porto.

«Al miaj Lejpcigaj amikoj estos tre neagrable atendi min vane», diris li al si mem: «sed kion fari?!»

En tiu ĉi minuto aperis en la pordo la mastro de la hotelo.

«Ĉu vi povas doni al mi bonan ĉambron kaj fari plej rapide ĝustan vespermanĝon?» demandis la alveturinto.

«Ĉio tio ĉi estos tuj preta», respondis la mastro, kondukante la gaston en la plej bonan ĉambron de sia hotelo.

Post kelkaj minutoj la mastro denove venis kaj demandis la alveturinton, ĉu li volas, ke oni donu al li la vespermanĝon malsupre, en la komuna gastoĉambro. Tie do li havos la okazon aŭdi bonegan muzikon, ĉar hodiaŭ kuniĝas kvarteta rondeto, konsistanta el kvar estimataj en la urbo personoj, kaj sinjoro la alveturinto kun vera plezuro admiros ilian arton.

La nekonato konsentis kaj sekvis post la mastro tra la komunan manĝosalonon, en kiu oni tiel forte fumis, ke estis neeble trarigardi tra ĝi en la gastoĉambron.

Tri el la kvarteta rondeto alestis kaj sidis sur siaj lokoj antaŭ lumigitaj pulpitoj. Ili kun miro ekrigardis la nekonaton, kiun la mastro presentis al ili sub la nomo de sinjoro Ludvig. La alveturinto salutis ilin kaj petis la permeson resti en ilia societo, aldoninte, ke li ankaŭ interesas sin je muziko.

La partoprenantoj de la kvarteto: la urba juĝisto—violonĉelo, la organisto-alto kaj la subjuĝisto—dua violono—akceptis tre afable la alveturinton kaj bedaŭris nur, ke la persono, kiu ludas la unuan violonon, iom malfruiĝis; se ne tio ĉi, ili eble jam komencus eĉ tuj.

Dume la mastro alportis la vespermanĝon kaj vinon; tio ĉi ambaŭ videble plaĉis al la alveturinto.

La tri muzikistoj, atendante la alvenon de la unua violono, ekparolis inter si ion, kiam subite la pordo malfermiĝis kaj aperis juna knabino, kiu ruĝiĝante stariĝis en la pordo.

«Ha, fraŭlino Amalia!» Karese ekkriis la organisto al la knabino; «kion vi diros?»

«La patro tre salutas vin kaj petas pardoni al li; li ricevis atakon de podagro kaj neniel povas veni».

Responde al tiu ĉi sciigo audiĝis ekkrioj de bedaŭro de ĉiuj tri partoprenantoj.

«Kia malĝojo» diris la juĝisto kaj nevolonte forstarigis la violonĉelon. «Mi kun tiel granda malpacienco atendis la nunan vesperon!»

«Diabla podagro!» ekkriis la organisto, purigante sian alton per tuko. «Sed kion do ni faros? Ni devas kun longaj nazoj disiri hejmen».

La subjuĝisto murmuretis ion per kolera voĉo kaj metis sian violonon en la violonujon. Li jam volis estingi la kandelojn, kiam subite la alveturinto, kiu ĝis nun estis silenta rigardanto, eliris antaŭen kaj diris modeste:

«Sinjoroj, se vi konsentos esti kontentaj de mia malgranda arto kaj preni min en la nombron de la partoprenantoj mi eble povos anstataŭi al vi la neveninton. Mi ankaŭ iom ludas violonon».

«Ha, la diablo prenu! Tio ĉi estas ja bonega!» respondis la gajiĝinta juĝisto, dum ankaŭ ĉiuj aliaj rapidis eldiri sian konsenton. «Sed kie ni prenos violonon? Bedaŭrinde nia amiko ne alsendis la sian!»

«Pri tio ĉi ne maltrankviliĝu; mi tute okaze prenis mian violonon kun mi. Estu bonaj, atendu kelkajn minutojn, mi tuj ĝin alportos». Kaj kun tiuj ĉi vortoj la nekonato eliris el la gastoĉambro.

«Tre ĉarma estas tiu ĉi sinjoro Ludvig», ekparolis la organisto, kiam tiu eliris. «Kiu li povas esti?»

«Komisienero de vinoj», respondis la juĝisto kun certeco. «Ĉu vi rimarkis, kun kia vido de kompetentulo li provis la vinon?»

«Hm!» diris la subjuĝisto, «kiu ajn li estas, ni donos al li bonan ŝvitbanon. Ni pruvos al li, ke nia kvarteto ne vane estas konata kaj eĉ»—aldonis li kun kelka konfuzo—«glora en la tuta ĉirkaŭaĵo».

«Ke li nur ne postiĝu post ni», aldonis la organisto. «Kaj mi pensas, ke ni devas bedaŭri la nevenon de nia unua violono».

En tiu ĉi minuto alvenis Ludvig. Li metis sur la tablon la violonujon kaj elprenis el ĝi la violonon.

«Kia bonega instrumento!» ekkriis la organisto kun ravo; «kaj certe ĝi kostas bonan monon. Pli kara, ol via violono, sinjoro subjuĝisto!»

«Nu, nu, nu!» kontraŭparolis tiu ĉi, delikate alpremante al la brusto sian violonon; «jam ne pli bona ol mia Ŝtejnera; kaj tute certe ne pli kara».

«Kiom kostas via violono?» Demandis la alveturinto.

«Kvindek talerojn», kun grava mieno diris la subjugisto.

Ludvig petis reteni sin de rideto.

«Kion do ni ludos?» li demandis.

«Hajdn'on, Hajdn'on!» ekkriis ĉiuj tri vive.

«Kaj poste», daŭrigis la organisto, «ni ankoraŭ havas uverturon el Jesondo, aranĝitan por kvarteto. Ankaŭ ĝi estas belega objekto».

La alveturinto denove nerimarkeble ridetis.

«Hajdn kvankam havas siajn malfacilaĵojn», rimarkis la juĝisto, «sed ni povas preni tempon pli malrapidan, kaj tiam la afero iros bonege».

«Krom tio», aldonis la subjuĝisto, «mi signis ĉiujn dek taktojn per ciferoj kaj tiel vi povos facile ordigi vin, se vi perdos la takton. Ne timu, sinjoro Luvig, ĉio iel fariĝos».

Ciuj okupis la lokojn, frotis la arĉojn per kolofono, agordis la instrumentojn, kaj la subjuĝisto, kiu tre amis ludi la rolon de direktanto, ekuzis la maleston de la unua violono, por doni liberon al sia pasio. Li ekfrapis per la arĉo kaj komencis laŭte kalkuli: «unu, du, tri!...»

«Haltu!» ekkriis li subite, turnante sin al Ludvig; «via kvinto!... Ĝi montrigas al mi tro alte agordita».

«Estu trankvila», respondis Ludvig: «ĝi estas vera. Mi garantias tion ĉi al vi. Tiel ni povas komenci?»

Ili komencis. Kelkajn minutojn ĉio iris bonege. Sed subite la subjuĝisto eksaltis de la loko tiel, ke la aliaj timigite levis la kapojn.

«Haltu, haltu! la diablo prenu, sinjoroj!» li ekkriis kolere—«mi perdis la takton». Kaj efektive sinjoro la direktanto transsaltis unu linion, kaj eĉ la ciferoj, signitaj de li mem, ne povis helpi; li neniel povis sin meti en la takton.

Ili komencis denove, kaj krom tiu ĉi incidento, feliĉe finis la unuan parton. Ludvig estis honorita per aprobo, precipe pro lia scio teni takton.

Ili komencis la duan parton «Adaĝio», kaj la afero iris bonege. Subite en la mezo de la plej brila loko de la muziko Ludvig ekfrapis per la arĉo.

«Cis, cis! sinjoro subjuĝisto, permesu», li diris.

«Cis, cis, kie do estas tiu ĉi cis?» fiere diris la subjuĝisto ruĝiĝante, dum la aliaj estis forte mirigitaj de la kuraĝo de Ludvig, kiu decidiĝis fari rimarkon al la severa subjuĝisto.

«En la 62 takto», respondio Ludvig trankvile. «Volu rigardi».

«Efektive», murmuris la subjuĝisto, malaltigante la voĉon. «Vi estas prava. Strange, kiel tio ĉi povis okazi».

La «Adaĝio» estis feliĉe finita, kaj Ludvig, kiu en la tuta tempo tute ne rigardis la notojn, sed, interne amuzante sin, rigardadis la diligentan ludon de siaj kunelu-dantoj—estis forte laŭdita pro la beleco de la tono kaj boneco de la ludo. Eĉ la subjuĝisto ne povis ne doni devan justecon al la delikata orelo de Ludvig kaj li trovis, ke por diletanto tiu ĉi ludas tre nemalbone.

Rapidega rideto glitis sur la vizaĝo de Ludvig, sed li kun serioza vido dankis por la aprobo.

«Nun ni venis al la tria parto, al la finalo», annoncis la subjuĝisto.

«En tiu ĉi parto estas io por laboregi», rimarkis la juĝisto. «Kian tempon ni prenu? Kion vi diros, sinjoro Ludvig?»

«Jen tian», respondis la alveturinto, ludinte per duona tono la unuajn taktojn.

«Dio gardu!» Kion vi diras, kion vi diras!» interrompis lin la subjuĝisto. «Tio ĉi estas ja freneza rapideco! Tio ĉi estas io simila al fervojo de Lejpcig al Dresden. Tiel ĉi neniu sukcesos. Ne, ne! pli malrapide, multe pli malrapide!»

«Kiel vi volas», diris Ludvig, trankvile apoginte sin sur la dorson de la seĝo.

La organisto aliĝis al la opinio de Ludvig; la juĝisto ankaŭ nenion havis kontraŭ tio ĉi; sed la subjuĝisto tute ne konsentis. La partoprenantoj varmege ekdisputis. En la fajro de la disputo la subjuĝisto ekkriis ion pri sensciuloj, kiuj pensas, ke ili kom-prenas ion; tio ĉi igis la juĝiston eksalti de sia loko kaj ataki sian helpiston, dum la organisto vane penis pacigi la disputantojn.

Ludvig kun rideto rigardadis la disputon, sed, vidante, ke ĝi akceptas malagra-blan direkton, li leviĝis de sia loko kaj prenis plenan akordon. La disputo momente finiĝis, kaj la varmiĝintaj muzikistoj kun miro ekrigardis la alveturinton.

Ludvig prenis ankoraŭ unu akordon, kaj tiam rava, pura, kiel sonoro de sonori-leto, rulado eksonis en la ĉambro.

Per kuraĝaj, pasiaj akordoj ekverŝiĝis bonegaj, plej brilaj sonoj, kaj ankoraŭ pli plene kaj rave ekkantis la violono.

La vangoj de la ludanto brulis, liaj okuloj brilis. Ĉiam novaj kaj belegaj melodioj verŝiĝis el sub lia arĉo, jen fajre pasiaj, jen ĉaste puraj. La tri muzikistoj aŭskultis, retenante la spiron. La pordo el la komuna manĝosalono senbrue malfermiĝis, kaj en ĝi montriĝis la kapoj de gastoj, amasiĝintaj apud la pordo. La motivo iris tuj per kvarvoĉaj akordoj, kun kiuj, simile al la voĉo de keruboj, kunverŝiĝis flaĝoletaj tonoj. Jen ankoraŭ brila bonega rulado ĝis la plej ekstremaj supraj notoj, post tio belega finala akordo—kaj la muzikisto eksilentis.

Kelkajn minutojn daŭris morta silento; poste ĉiuj rekonsciiĝis. La unua rekons-ciiĝis la subjuĝisto.

«Tamen, sinjoro Ludvig», ekkriis li malkuraĝe. «Kio do tio ĉi estas? Kiel do vi subite ekludis tiel?»

«Jen vi vidas! Mi estis prava», diris la organisto, turnante sin al la subjuĝisto. «La violono estas pli kara ol la via!...»

«Sinjoro Ludvig», turnis sin al la alveturinto la juĝisto, «ke vi estas ne diletanto, sed granda artisto, tio ĉi estas senduba. Via nomo havas certe komunan konatecon. Diru, mi vin korege petas, oni vin efektive nomas Ludvig?»

«Jes», respondis tiu ĉi, ridetante, «nur tio ĉi estas mia nomo propra, sed ne familia. Cetere ankaŭ mia familia nomo estas al vi iom konata. Jen ĝi estas», li diris, montrante la partituron de Jesondo; «mia familia nomo estas Ŝpor».

«Ŝpor!» ekkriis kun mirego ĉiuj tri.

«Jes, Ŝpor, palaca kapelestro, Ŝpor el Kassel», respondis la muzikisto ridetante.

«Ŝpor», murmuretis la subjuĝisto. «Ho, mi malfeliĉa malsaĝulo! Kaj mi kuraĝis disputi kun li!...»

«Pardonu min, sinjoroj», diris Ŝpor, «ke mi permesis al mi tiun ĉi malgrandan komedion. Mi donas postmorgaŭ koncerton en Lejpcig. Mi intencis alveturi tien jam hodiaŭ, sed malbona vetero igis min resti tie ĉi. Permesu al mi, ke mi invitu vin al mia koncerto en la salono Gewandhaus. Sed nun, sinjoroj, ne rifuzi eltrinki kune kun mi po glaso da vino. Sinjoro mastro, donu vinon! Ses botelojn, sed plej bonan. Mi volas, ke vi ne pensu, ke tiu ĉi vespero finiĝis malbone, sinjoroj».

Baldaŭ ora vino ekbrilis en la glasoj kaj eksonis gaja sonoro de pokaloj, kaj nur malfrue post la noktomezo disiris la gajantoj post tri toastoj, proponitaj en ne tre bonaj esprimoj de la gajiĝinta subjuĝisto al la anstataŭigita muzikisto.

(Eltirita el *Esperantisto* 15ª Novembro 1893).

# Humorajoj

Anglo vizitanta la Seviljan katedran preĝejon ekvidis kranion kuŝantan sur altaro

—Kies estas tiu kranio?—demandis scivole al informa akompananto.

—De Sankta Bernardo—respondis tuj la akompananto.

Post duonhoro la angla vizitanto vidis alian sed tre malgrandan kranion.

—Kaj tiu ĉi? Kies estas tiu kranieto?—li redemandis.

La demandito, kiu nenion sciis pri ĝi, embarasiĝis kaj post rapida pripenso respondis:

—Tiu kranieto estas ankaŭ de Sankta Bernardo, sed kiam li estis nur dujara.

---

Simplulo skribas al amiko:

«Kara amiko: hieraŭ mi senatente lasis ĉe vi mian arĝentan cigarujon, tial mi petas ke vi bonvolu resendi ĝin al mi. Kun koraj dankoj k. t. p.»

Sed kiam li estas tuj fermonta la leteron, li retrovas la nomitan cigarujon kaj li rapidas aldoni:

«Postskribo: ne klopodu serĉi la cigarujon ĉar mi jam trovis ĝin. Adiaŭ.»

Kaj li alsendas la leteron.

* * *

# El la historio de reformoj

## El «Pola Esperantisto»

La Esperantistoj de la unua horo, kiel ankaŭ tiuj novaj samideanoj, kiuj studis iom la dudekjaran historion de Esperanto, scias kiel malfacila estis la komenca propaganda laboro por nia afero. Oni devis forigi tutajn montojn da diversaj malnovaj antaŭjuĝoj. La saĝaj homoj neis la eblecon de artefarita lingvo, neis ĝian bezonon, rigardis la apostolojn de Esperanto kiel utopiistojn kaj kritikis ĉiun unuafoje ekaŭditan esperantan vorton. La profesiaj lingvosciencistoj kondamnis Esperanton, eĉ ne sentante la bezonon esplori la juĝatan objekton.

Nature estas, ke en tiaj cirkonstancoj la nombro de la Esperantistoj komence estis tre malgranda kaj ke ĝi pligrandiĝadis en la unuaj jaroj tre malrapide, preskaŭ nerimarkeble.

Tia sensukcesa batalado malpaciencigis kelkajn el la plej fervoraj propagandistoj kaj ili komencis kulpigi Esperanton mem kaj konvinki sin, ke la mondo ne volas alpreni Esperanton, ĉar ĝi ne estas ankoraŭ perfekta kaj ke oni devas ĝin antaŭ ĉio pliperfektigi. Sed kiamaniere? La genieco de la tuta konstruo estis evidenta kaj neatakebla, sed oni trovis, ke kelkaj detaloj malplaĉas al tiu aŭ alia; oni do opiniis, ke oni devas ŝanĝi tiujn detalojn, ĉar ili malhelpas la rapidan divastigon de la lingvo internacia. La reformistoj komencis do pripensi la plej diversajn projektojn, ĉiu laŭ sia plaĉo. Ĉiu reformisto havis propran pretan reforman projekton kaj por ĝi unu adepton, t. e. sin mem; la aliaj volis ĉiu ion alian. Mi mem, fariĝinte ano de reformoj, studis la komparan lingvosciencon romanan el verkoj de Diez, Korting kaj aliaj kaj intencis transformi Esperanton en lingvon iom pli naturan, romane homogenan kaj por la instruitaj lingvistoj senpere kompreneblan. Ĉu la lingvo ricevis la deziritajn kvalitojn mi ne povas juĝi, sed mi ne perdis por unu momento la konscion, ke ĝi fariĝis multe pli malfacile ellernebla por homoj lingviste ne instruitaj. Vidante, ke ĉiuj eblaj reformoj neniun kontentigas, mi forlasis la propagandon ĝis la tempo, kiam la bonega granda verko «Historio de lingvo universala» de prof. Couturat kaj Leau min fine konvinkis, ke malgraŭ ĉiuj kontraŭdiroj Esperanto prezentas la solan veran solvon de lingvo internacia. Baldaŭ poste montriĝis, ke Esperanto tia, kia ĝi estis, ricevinte la subtenon de la franca scienculаro, rapide venkis la antaŭjuĝojn, kaj gajnis centmilojn da ĉiunaciaj adeptoj, kiuj sen iaj malhelpoj ĝin uzas nun por buŝa kaj skriba interkompreniĝo.

Esperanto fariĝis sekve lingvo viva, kiu povas disvolviĝi nur tiel, kiel la ceteraj lingvoj vivantaj, kaj samtempe ĉiu diskutado pri sistemaj ŝanĝoj fariĝis tiel same sencela kaj sensenca, kiel estus propono enkonduki sistemajn ŝanĝojn en lingvon anglan, francan aŭ polan. Ĉiu vorto, ĉiu formo gramatika, kiu eble estis kritikebla, kiam Esperanto estis lingva projekto, fariĝis hodiaŭ, per la fakto mem, ke ĝi estas konata kaj uzata de la tuta grandnombra interpopolo Esperanta, esprimo bona, kaj ĉiu ŝanĝo, eĉ plej bone pripensita, estus elemento malplibona, ĉar ĝi kaŭzus malhelpon en la hodiaŭa tutmonda spirita interkomunikiĝo. El kiu lingvo ia esperanta vorto estas ĉerpita, ĉu la vorto konservis en Esperanto la saman sencon, aŭ ricevis sencon alian, tio-ĉi fariĝis por la Esperantistoj tute indiferenta, ĉar ĉiu esprima simbolo, asociiĝinte idee kun la responda objekto aŭ ideo, ricevis en Esperanto sian espriman koloron. La Anglo diras tute prave: «*A rose by any name would smell as sweet*» (Kiel ajn ni nomus la rozon, ĝi konservus sian dolĉan bonodoron). Ekzemple mi scias, ke mi uzas «acre» en lingvo franca en certa senco, sed parolante esperante mi

kutimis asocii la sonon «akra» kun la akreco de l'tranĉilo. Tiel same parolante pole kaj ruse, mi uzas ofte la samajn vortojn en tute diferencaj sencoj, kaj mi tamen ne kuraĝus fari pro tio ŝanĝajn proponojn.

Bedaŭrinde ni havas inter la Esperantistoj homojn, kiuj aliĝinte al Esperanto, rigardas ĝin kiel novan projekton, en kiu oni povas ankoraŭ ion aliigi, ion anstataŭi, ion modifiki. Krom tio ni havas ŝatindajn instruitajn homojn, kiuj dum la tuta·vivo studis kaj komparis diversajn lingvajn projektojn, kaj kiuj metas Esperanton en la saman serion, forgesante aŭ ne volante kompreni, ke Esperanto ne estas jam lingva projekto, sed lingvo vivanta, posedanta gazetaron kaj literaturon, lingvo disvastigita sur la tuta tero kaj uzata por diversaj celoj. Tiuj instruitaj reformistoj memorigas al ni tiajn gepatrojn, kiuj, havante jam plenaĝajn idojn, neniel povas kompreni, ke iliaj infanoj estas plenkreskintaj, memstare pensantaj kaj agantaj individuoj. Ili vane perdas sian energion por ŝanĝi laŭ sia opinio kaj plaĉo tion, kio estis eble ŝanĝebla, sed nur en la frua infanaĝo.

Kiam la Delegacio ekdeziris decidi pri la akcepto de lingvo internacia kaj unu el miaj amikoj min demandis, kia estos laŭ mia opinio la rezultato, mi respondis: «Se la Delegacio akceptos senkondiĉe Esperanton, ĝi fariĝos subteno por la Esperantismo, se la Delegacio ekdeziros kontraŭstarigi al Esp. ion alian aŭ fari ŝanĝojn en E., ĝi faros fiaskon kaj perdos sian postenon kaj anaron.

Nun plenumiĝis la dua alternativo. Anstataŭ akcepti Esperanton la Delegacio prezentis al ni miksaĵon de diversaj revarmigitaj malnovaj reformaj projektoj baptitaj kiel lingvo de «Ido» aŭ de du «Idoj» kaj postulis, ke la Esperantistaro ilin akceptu; sed la Esperantistaro kune kun sia gazetaro restis fidela al la originala Esperanto de D.ro Zamenhof. El la Delegacia komitato eksiĝis preskaŭ ĉiuj ĝiaj plej gravaj membroj, restis nur la du aŭtoroj de l'projekto, kiuj ĝis nun ne komprenis sian eraron kaj esprimas sian malkontentecon pro la malvenko, kulpigante diversmaniere la Esperantistaron. Ni aŭdas do, ke la Esperantistoj estas konservatistoj, ĉar tion postulas iliaj materialaj interesoj; ke ili defendas Esperanton per ĝeneralaj argumentoj, sed ne donas sciencajn pozitivajn kritikojn de la projekto de «Ido», kiu laŭ opinio de ĝiaj aŭtoroj superas pro siaj bonecoj ĉion imageblan kaj estas nesuperebla. Kiel mi jam diris la Esperantistoj juĝas tute kontraŭe, sed eble ni ne estas kompetentaj, eble ni ne scias juĝi senpartie. Tial tre dezirinde estas, ke la aŭtoroj de Ido aŭdu la opinion de ne-Esperantisto, homo tute senpartia, fama lingvosciencisto, kiu partoprenis en la delegaciaj kunsidoj, kiel unu el la komitatanoj, nome la opinion de S.ro prof. Baudouin de Courtenay.

Mi ĉeestis dum lia publika parolado en Varsovio pri lingvo internacia, kie li disbatis ĉiujn antaŭjuĝojn kontraŭ tia lingvo, kaj nomis fine Esperanton la sola vera enkorpiĝo de tiu ideo. Nature estas, ke dum tia publika parolado la estimata profesoro ne povis detale kompari kaj priparoli diversajn reformajn projektojn, sed poste dum pli longa intervidiĝo, mi havis okazon aŭdi lian pli detalan opinion pri la lingvo de Ido kaj pri la diversaj ŝanĝoj, kiujn oni volus enkonduki en Esperanton. Mi donas malsupre la opinion de prof. B. de Courtenay kun lia konsento laŭ faritaj skribaj notaĵoj.

*La profesoro diris:* «Laŭ mia opinio la lingvo internacia de Ido tute ne ekzistas, kaj mi ne povas aprobi la manieron de S.ro Ido, kiu ne memorigis eĉ per unu vorto, ke lia projekto ne estas projekto nova kaj sendependa, sed simple Esperanto modifikita en kelkaj detaloj, modifikita eĉ ne ĉiam feliĉe kaj prospere. Ĝenerale mi ne vidas en Ido, komparante ĝin kun Esperanto, efektivajn plibonigojn. Esperanto originala prezentas en sia tutaĵo la stampon de neneigebla originaleco, kiun ni vane serĉus en la projekto de Ido.

En multaj punktoj «Ido» estas malpli valora ol Esperanto kaj prezentas ne progreson sed regreson. Tiel mi povus karakterizi la paragrafojn de la Ida gramatiko

pri la alfabeto, artikolo, substantivo, adjektivo, personaj pronomoj, adjektivoj kaj pronomoj posesivaj, adjektivoj kaj pronomoj demonstrativaj, pronomoj relativaj—interrogativaj, adjektivaj pronomoj nedifinitaj, la verbo, la adverboj primitivaj, konjunkcioj kaj la nombroj.

La alfabeto de Ido pekas kontraŭ la principio de unueco kaj reguleco.

La litero *x*, flanke de k, g, s, kaj signifanta jen *ks*, jen *gz* estas tute ne allasebla.

Akcepti *q* flanke de *k* estas tia sama regreso (reakcio).

La litero *q* (sola aŭ en kombino kun *u*, kiel ekvivalento de *kv*) uzata apud *k* havas nek sencon nek povas esti filologie pravigita. La «*q*» estas ĝenerale malfruiĝinto el tiu epoko en la vivo de la lingvo latina, kiam oni ankoraŭ diferencigis du tiajn guturalajn sonojn. Tiaj postolangaj kaj ĝenerale profundaj malantaŭaj paroldiferencoj malaperas ĉiam pli, kaj ĝi signifas nedisputeblan regreson, kiam oni penas enkonduki tiujn ĉi diferencojn en artefaritan lingvon tutmondan.

La infinitiva finiĝo—*ar* estas malbonega kaj forĵetinda. Ĝi estas nur historia okazaĵo de la lingvo latina por unu grupo de verbaj temoj, dum la primitiva finiĝo komuna estis—*se.*—*re.* La historia tendenco de ĉiuj lingvoj neolatinaj kondukas al malpliigo kaj malapero de similaj finiĝoj. La infinitivo devas do reteni sian esperantan simbolon—*i*, se ĝi ne povas esti anstataŭita per nulo, t. e. egaliĝi al la formo radika. Nur unu sola infinitivo estas dezirinda. La malnov-greka abundeco ne povas esti tolerata en lingvo artefarita. Ni ne forgesu, ke tiu malnov-greka troa abundeco kaŭzis plenan malaperon de l'infinitivo en la lingvo nov-greka.

La imperativo kun—*ez* estas absolute ne akceptebla.

Ĉe l'pronomo kaj ĉe l'adjektivo la signo de l'sekso estas superflua kaj mi ne povas aprobi la sistemon de Beaufront-Couturat.

Ĉe l'substantivo oni devas laŭ mia opinio konservi la substantivan signon «*o*» ankaŭ en la pluralo; sekve mi ne aprobas la anstataŭon de «*oj*« per—*i*.

Car neniu el la ĝisnunaj reformaj projektoj superas la tradician Esperanton, ĉar neniu prezentas novan enkorpiĝon de la lingvo internacia, kaj ili, ne esceptante «Idon» estas nur flik-laboroj, sekve adoptante principe Esperanton oni devas respekti la tradicion esperantistan kaj ne fari atencon kontraŭ la kontinueco de tiu-ĉi tradicio. Ĉiuj ŝanĝoj, enkondukitaj rapideme, malbonigas nur la tutaĵon kaj kaŭzas la neceson de novaj ŝanĝoj kaj modifikoj.

Sed ĉiu ŝanĝebleco, ĉiu nekonstanteco, ĉiu ŝanceliĝo en lingvo internacia artefarita povas nur fortimigi la homojn, kiuj volas ĝin akcepti kiel ilon de tutmonda interkompreniĝo. Kvankam mi ĝenerale ne estas konservatisto, en tiu-ĉi okazo mi estas konservatisto decidita.

Ni povus ekzemple kritiki la lingvon francan kaj proponi kelkajn ŝanĝojn, se ne en la lingvo parolata mem, almenaŭ en la lingvo skribata (ortografio). Sed ni absolute ne povus realigi niajn proponojn sen la konsento de la francoj, t. e. de la parolantoj france.

La Esperantistoj devas esti rigardataj kiel asocio lingvista jam ekzistanta. Nenia komitato aŭ komisio ne-esperantista havas la rajton trudi al ili ŝanĝojn gramatikajn aŭ leksikajn. Se eĉ tiu komisio estus kumentita el plej kompetentaj individuoj kaj plej bone elektitaj de diversaj delegacioj kaj sciencaj korporacioj ĝi ne ĉesus havi en la okuloj de Esperantistoj arbitran karakteron.

Post la volapŭkistoj ĝuste la Esperantistoj realigis la ideon de lingvo internacia en vastaj dimensioj kaj enkorpigis ĝin en formojn daŭrajn kaj akceptitajn de granda parto de la inteligenta homaro. *Kiu decidiĝas rompi la unuecon de la Esperantistaro, entreprenas paŝon tre riskan kaj malbon-konsekvencan, sekve mi, volante eviti tiel gravan respondecon, estis devigita eksiĝi el la Delegacia konstanta Komisio.*»

Sapienti sat...

A. GRABOWSKI.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

La konstanta kaj fervora propagando farata de nia amiko Sro. Celestino Escobés en Calahorra nun fruktiĝas kaj ni havas jam en tiu urbo multajn esperantistojn; eble en la venonta vintro oni fondos tie novan grupon.

Ankaŭ en Zaragoza ni konstatas grandan movadon favoran al nia afero kaj multaj societoj petis profesorojn de Esperanto al la tiea grupo por malfermi kursojn la proksiman vintron.

La Igualada Esperantista Societo organizis publikajn festojn esperantajn, kiuj okazis en Igualada la 26ªⁿ de Julio kaj la 2ªⁿ de Aŭgusto por festi la ekzamenojn de la lernantojn kaj en rememoro de la unua datreveno de la fondiĝo de tiu Societo.

Niaj samideanoj en Bilbao aperigis novan revueton titolitan *Bilbao Esperantista*; ĝi estas duonmonata kaj la prezo de la jara abono estas 2'50 pesetoj. La redakcio kaj administracio estas en la Grupo Esperantista (Jardines, 7, 1.º). Ni sendas al ĝia direktoro, nia estimata amiko Sro, Iranzo Alvarez Vázquez nian plej varman gratulon.

Kiel en la lasta jaro tiel ankaŭ en la nuna, la Urbestrara Moŝto de Valencio, okaze la fama ĉiujara foiro en la monato Julio, presigiŝ belajn afiŝojn esperante redaktitajn. Ni dankas la Foiran Komitaton pro la ekzemplero al ni sendita.

La Esperanta Konsulejo de Madrid estas nun en la Grupa sidejo (Echegaray, 17, 1.º). Multe progresas nia afero en la ĉefurbo kaj tion pruvas la apero de leginda ilustrata revuo kun la titolo *Hispana Revuo,* kiu en sia unua numero de la monato Julio enhavas bonajn artikolojn de Sroj. Perogordo, Garzón, Carro kaj Menéndez. La prezo de la abono

## DE ESPANA

La constante y fervorosa propaganda que hace nuestro amigo D Celestino Escobés, en Calahorra, comienza ahora á dar sus frutos y tenemos ya en aquella población muchos esperantistas; probablemente el próximo invierno se fundará allí un nuevo grupo.

También en Zaragoza se nota un gran movimiento favorable á nuestra causa, y muchas sociedades han pedido profesores de Esperanto al grupo de allí para abrir cursos el próximo invierno.

La Sociedad Esperantista Igualadina ha organizado fiestas públicas esperantistas, que se han celebrado en Igualada el 26 de Julio y el 2 de Agosto para festejar los exámenes de los alumnos y conmemorar el primer aniversario de la fundación de dicha Sociedad.

Nuestros *samideanos* de Bilbao han publicado una nueva revistita titulada *Bilbao Esperantista*; es quincenal y el precio de la suscripción es 2'50 pesetas. La redacción y administración están en el Grupo Esperantista (Jardines, 7, 1.º). Enviamos á su director, nuestro estimado amigo D. Iranzo Alvarez Vázquez, nuestra más ferviente felicitación.

Como el año último, así también en el presente, el Excmo. Ayuntamiento de Valencia, con ocasión de la famosa feria anual que se celebra en el mes de Julio, ha impreso unos hermosos carteles redactados en Esperanto. Agradecemos á la Junta de Feria el ejemplar que nos remitió.

El Consulado Esperantista en Madrid está ahora en la residencia del Grupo (Echegaray, 17, 1.º). Mucho progresa nuestra causa en la capital y así lo prueba la aparición de una revista ilustrada con el título *Hispana Revuo*, que en su número primero del mes de Julio contiene buenos artículos de los Sres. Perogordo, Garzón, Carro y Menéndez. El coste de

estas 3'25 francoj jare. Por sciigoj kaj abonoj oni sin turnu al Sro. Josefo Menéndez, strato Echegaray, 17, 1.°

La nacia gazetaro daŭrigas la publikigadon de propagandaj artikoloj hispane kaj esperante verkitaj; el la plej ferforaj ni citos la jenaj: *Correo de la tarde* de Cortagena, *El Deber Social* de Valencia, *La Mañana*, de Cartagena, *El Igualadino* de Igualada, *El Nervión* (kun fotografaĵoj de la esperantista ekskurso á Santurce) kaj *El Noticiero Bilbaino* de Bilbao, *La Provincia* de Cádiz, *La Regeneración* de Santa Cruz de Tenerife kaj *El Liberal* de Bilbao.

la suscripción anual es 3'25 pesetas. Para noticias y suscripciones dirigirse á don José Menéndez, calle Echegaray, 17, 1.°

La prensa nacional continúa la publicación de artículos de propaganda redactados en castellano y en esperanto; entre los más fervorosos citamos los siguientes: *Correo de la tarde* de Cartagena, *El Deber Social* de Valencia, *La Mañana* de Cartagena, *El Igualadino* de Igualada, *El Nervión* (con fotografías de la excursión esperantista á Santurce) y *El Noticiero Bilbaino* de Bilbao, *La Provincia* de Cádiz, *La Regeneración* de Santa Cruz de Tenerife y *El Liberal* de Bilbao.

# Bibliografio

*Libro de l'humoraĵo,* originale verkita de Paul de Lengyel (dua eldono). Unu volumo in-8 194-paĝa. Prezo: 2'50 frankoj. Ĉe firmo Hachette, 79, Boulevard St.-Germain, Paris.

Laŭdi la meritojn de tiu ĉi bela verko kaj de ĝia aŭtoro, la konata eminenta Esperantisto S ro de Lengyel, ŝajnas al mi tute superflue. Sufiĉas, se mi diras ke la verko apartenas al la «Kolekto de la Revuo» kaj estas inda je tia Kolekto. Krom tio ĉiuj legantoj konas jam la spritan verkon de la malnova eldoninto de «Lingvo Internacia», ĉar ĝia unua eldono aperis antaŭ kelkaj jaroj, kiam nur ekzistis du esperantaj gazetoj kaj la apero de nova esperanta verko ŝajnis eksterordinara okazintaĵo. Kia diferenco kun la nuntempo! Hodiaŭ oni preskaŭ ne havas sufiĉan tempon por legi ĉion, kio publikigas per, pri, por aŭ pro Esperanto. Eble tial la dua eldono de *Libro de l'humoraĵo*, rememorigante nin pri tiu pasinta tempo, kun sia nova luksa vesto, zorge revidita kun plibonigaj ŝanĝoj, ĉarmas nin agrable. Ni deziras al ĝi belan sukceson, kaj rekomendas ĝin al Esperantistoj havantaj malbonhumoron kaŭzitan de la ĝena demando pri reformoj, pri *idoj* k-c. Ili trovos en ĝi agrablan legadon, bonhumorigan amuzon kaj forgesos la ĉagrenon.

*Rollet de l'Isle. Provo de marista terminaro.* Ĉe firmo Hachette. Parizo.

S.ro Rollet de l'Isle kun la helpo de aliaj eminentaj malsamnaciaj Esperantistoj dediĉis sin de kelkaj jaroj al la teknika entrepreno starigi la maristan esperantan terminaron. Kiel resultato de siaj serĉadoj sur tiu kampo li prezentas al ni la *Provo de marista terminaro*, kiu enhavas la fundamenton de la terminoj uzataj de la maristoj. Tre zorge verkita ĝi estas do grandvalora kaj utilega ne sole por maristoj, sed ankaŭ por ĉiuj ceteraj Esperantistoj kaj se oni pripensas la gravecon, kiun nun havas la apero de novfakaj teknikaj verkoj, ni kredas ke ĉiuj amantoj de Esperanto favore akceptos tiun ĉi verkon kaj la teknikistoj per siaj konsiloj kunhelpos al tio, ke la nova eldono aperu plena kaj definitiva. En la fino de la verko oni prezentas tabelon de la novaj teknikaj vortoj kun tradukoj angla, germana, franca, hispana kaj itala aŭ holanda. Por ke la legantoj povu taksi la utilecon de tiu ĉi grava verko ni jen represas la titolon de la pritraktitaj en ĝi demandoj. Unua parto: I. Astronomio. II. Navi-

gacio. III. Pilotarto. IV. Hidrografio. V. Meteorologio. Dua parto. I. Vapormaŝinoj. II. Ŝipselo. Tria parto. Nomo de la diversaj ŝipoj. II. Manovro de la direktilo. III. Manovro de la ankroj. IV. Manovro de la mastaro. V. Manovro de la veloj. VI. Manovro de la barkoj. VII. Ŝnuroj kaj iliaj manovroj. Kvara parto. I. Navigantaj ŝipoj. II. Signoj. Kvina parto. Artilerio. Sesa parto. Militaj kaj komercaj havenoj. Sepa parto. I. Vestaro. II. Enŝipa deĵoraĵo. III. Rangaro. Oka parto. I. Mara komerco. II. Fiŝkaptado.

*La kvar Evangelioj kunigitaj en unu rakonto kaj tradukitaj de la pastro R. Laisney*. Prezo: 1'20 fr. Ĉe firmo Hachette. Parizo.

La titolo de tiu ĉi verko sufiĉas por raporti pri sia enhavo. Se ni aldonas ke la rakonta formo igas pli interesaj kaj legamuzaj la Evangeliojn kaj ke S.ro Pastro Laisney uzas en la tuta verko fluan, korektan, simplan kaj altan stilon, kiel meritas la belegeco de la afero, oni tuj komprenos ke la esperanta literaturo pliriciĝis ankoraŭ per unu nova akirinda ĉefverko.

*Kuŝas somero*, paroloj de Kanalosŝy-Geffler, muziko de F. de Ménil. Prezo: 1 franko. Ĉe firmo Hachette.

La konata muzikverkisto S.ro de Ménil, la autoro de tiom da belaj muzikaĵoj, donis novan pruvon pri sia talento per tiu ĉi ĉarma *Kuŝas somero*, kiun tre plezure kantos kaj ludos ĉiuj amantoj de la dia muzikarto.

V. INGLADA.

---

## ANONCOJ



Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.